REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

FRANCA ESPERANTISTO

19 MAART 1969 Fondée en 1908 — 37e année — 3e série - N° 257 - MARS - AVRIL 1969




*Strasburgo invitas vin*

KVINA BULTENO

Honora Komitato - Akceptis la membrecon Prof. D-ro H. FULER, vic-prezidanto de la Eùropa Parlamento, S-roj A. POHER, prezidanto de la Senato, E. FAURE, ministro pri Edukado kaj M. GENEVOIX, membro de la Franca Akademio.

Kongresejo - Domo de la Fakultato pri Literaturo kaj Humanaj Sciencoj, 25, rue du Soleil - (aùtobusoj n°20 haltejo Soleil aù n°42 haltejo Placo de Athènes).

Informejo - En la pavilonoj de la Turisma Oficejo: a) antaù la ĉefstacidomo; b) je la franca flanko de la Eùropa(Kehl)Ponto.

Junulara renkontiĝo okazos de la 4a ĝis la 12a-IV-69, en la junular-gastejo de Kehl, sub la temo "Kion deziras la nuna Junularo?"

Speciala Poŝtstampo aperos kun franca teksto. La stampilo estos uzata en kongreseja poŝtoficejo, sabaton kaj dimanĉon de la 9-12 kaj 14-18 h.

Kampadejoj - Vidu R.F.E. n°256 p.17a

Programo: Ĉiuj membroj, kiuj aliĝis al la kongreso ricevis la detalitan programon, el kiu vi legos kelkajn erojn ĉi-sube:

Vendredon 4/4 - Ek de la 16h akcepto de la kongresanoj; 19h30-20h30 - en la kongreseja vestiblo - interkona-rendevuo de la kongresanoj.

Sabaton 5/4 - 9h-12h: kunsidoj de la estraroj, konsilantaroj, laborkunsidoj de fakaj organizaĵoj (instruistoj, KELI, filatelistoj,fervojistoj, Germana Esperanto-Instituto, ktp..).

Dume, okazos promenadoj per ŝipo al Strasburgaj vidindaĵoj.

De la 17h30-18h30, estos la Horo de la Libroj, dum kiu la ĉeestantoj estos petataj aĉeti multajn librojn.

Vespere,je la 19h45 aùtobusa ek-

# FRANCA ESPERANTISTO

**OFICIALA ORGANO DE U.F.E.** (Unuiĝo Franca por Esperanto)
**34, Rue de Chabrol, Paris X^e - C.C.P. 855-35 Paris**
ABONNEMENT ANNUEL : **30 Francs.** — Le Numéro : **3 Francs** (CCP 855-35 PARIS)



**Rédaction provisoire :**
**J.-A. ROUSSEAU**
U.F.E., 34, rue de Chabrol
PARIS (10^e)

—

Les textes à publier doivent être toujours dactylographiés avec double marge et double interligne.

—

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photographies.

—

Les manuscrits non insérés ne sont pas renvoyés.

—

Joindre 0,80 F. en timbres pour tout changement d'adresse.

—




veturo al Kehl, kie okazos la Bankedo (gastejo Barbarossa).

Dimanĉon 6/4: Je la 8h.30 okazos diservoj en la preĝejo St-Etienne kaj la Luterana Preĝejo St-Pierre-le-Jeune.
10h30 - 12h30: Kongresa solenaĵo sub la ĉeftemo: ESPERANTO POR EUROPO;
12h15 : Komuna Fotografado - 14h30/18h: Jarĉefkunvenoj de G.E.A. kaj U.F.E. - 20h/22h30: Varieteaj prezentadoj kaj Folkloraj Dancoj - Poste okazos la Balo.

Lundon 7/4: 9h/12h: Kunsidoj de la UEA-delegitoj; prelego franca-germana pri la "influo de J.-J Rousseau sur la eùropa edukado" - I4h/18h: Ekskurso al la Vogezoj kaj la Alzaca Vinstrato. Dume okazos perŝipa promenado al la Strasburgaj vidindaĵoj kaj ankaù kunsido de la estraro de UFE.
Je la 18hoo, adiaùa rendevuo en la Kongreseja vestiblo.

Mardon 8/4: 9h30: Ekveturo por la aùtobusa ekskurso al Norda Alzaco kaj Nigra Arbaro, tra Niederbronn-les-Bains, Baden-Baden, Oberkirch kaj Kehl.

Lastaj konsiloj: NEPRE kunportu vian pasporton, aù vian nacian legitimaĵon bezonotaj por eniri en Germanujon.
Ĉiam havu vian kongreskarton por eniri en la kongresejon (se la kongreso estus ĝenata de manifestantoj!).

---

OFICIALA KOMUNIKO DE U.F.E...OFICIALA KOMUNIKO D

Estas necese memorigi al niaj membroj la decidon de Calais(1967) pri la pago de la kotizoj.
La membroj, kiuj aliĝas al Esperanto - Grupo devas pagi siajn kotizojn al la grupa kasisto;la izoluloj devas pagi al la Federacia kasisto.
Ankoraù tro multe da membroj sendas rekte al U.F.E. siajn kotizojn. Tio malrapidigas ilian enskribiĝon, ĉar la kasisto de UFE ĉiam resendas la tutan kotizon al la Federacia kasisto: duobla nenecesa laboro.

=======================================================

UNE OPINION....UNE OPINION....UNE OPINION....UNE OPINION....UNE OPINION....

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

Monsieur Guy HERAULD, Professeur à la Faculté de Droit de Strasbourg, dans son livre "Peuples et Langues d'Europe" parle ainsi de la Langue Internationale ESPERANTO (page 147):

"L'Espéranto présente deux remarquables qualités, d'une part sa facilité, d'autre part sa neutralité.

S'il était enseigné dans toutes les écoles, les citoyens de l'Europe disposeraient là d'un truchement commode, parfaitement adapté aux besoins pratiques. Le reproche d'être artificielle (qu'on lui fait souvent) apparait totalement dépourvu de pertinence.

De quoi s'agit-il, en effet? Non pas d'exercer les facultés intellectuelles de l' élève européen, ni de l'introduire à une civilisation étrangère, mais de le munir, a u x moindres frais, d' un langage utilisable en toutes circonstances et qui ne soit pas une menace pour sa propre culture.

Aucune langue ne convient mieux à ce rôle qu' une langue artificielle bien choisie. Le temps économisé par l'étude d' une langue facile pourra être employé, soit à développer l a culture scientifique, soit à apprendre les langues étrangères, en veillant toujours, dans chaque ethnie, à n'en privilégier aucune.

Comme l'écrit François Fontan, "ce multilinguisme varié, basé sur le désir de connaître la personnalité originale des autres, est le contraire même du bilinguisme, étape de l'assimilation, basé sur le désir d'imposer à l' autre sa propre personnalité ou sur le mépris de la sous-estimation de ses propres valeurs".

(Editions Denoël)

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

LEGU REVUOJN....LEGU REVUOJN....LEGU

Ni informas niajn legantojn, ke ni povas abonigi ilin al la sekvantaj revuoj, inter multaj aliaj:

| | |
|---|---|
| NORDA PRISMO (200 p. jare) | 15,50 F |
| LA PRAKTIKO (monata revuo) | 17;oo F |
| KONTAKTO (por la junuloj) | 11,20 F |
| GEPATRA BULTENO | 5,oo F |
| HEROLDO DE ESPERANTO | 21,oo F |
| LA LINGVA MONDA PROBLEMO | 35,oo F |
| OOMOTO (japana revuo) | 8,50 F |
| BIBLIA REVUO (bibliaj studoj) | 30,oo F |
| LITERATURA KAJERO (brazila) | 15,oo F |

ĜOJIGAJ INFORMOJ

SABINE, filino de Ges-roj Michel Chapellier, kaj nepino de nia amiko Chapellier, kasisto de la orienta federacio, naskiĝis la 7.I.1969.

Bonvenan saluton al ŝi!

S-ro JUNIER, nia agema amiko el Gray ricevis antaùnelonge la krucon de Kavaliro en la ordeno de la "Palmes Académiques". Tiu kruco estas plene meritita, kiam oni scias ke Sinjoro Junier estis kaj ankoraù estas, sed depost pli ol tridek jaroj, ĉu ano, ĉu estro de tre diversaj asocioj, kiuj ĉiuj rilatas al Junularo, lernejanoj kaj ankaù internacia amikeco kaj interkompreno.

Korajn gratulojn al S-ro JUNIER!

## INTERNACIA INTERŜANĜA VOJAĜO - FRANCIO - DANLANDO

En nia malgranda vilaĝo (850 enloĝantoj), ni instruis, dum multaj jaroj laŭ la Freinet-pedagogio, per libere verkitaj tekstoj, gazeto presita de la lernantoj-mem, abunda interlerneja korespondado kaj interŝanĝaj vojaĝoj.

De naŭ jaroj, ni instruas Esperanton laŭ la samaj teknikoj. Ĉiujare ni partoprenas en la internacia gazeto "Grajnoj en Vento"; ni havas komunan korespondadon de grupo al grupo, kaj personajn korespondadojn inter gelernantoj el Ĉeĥoslovakio, Pollando, Suomio, Bulgario, Jugoslavio, Germanujo, Anglujo, Hungario, Nov-Zelando, k.t.p...

Dum decembro 1967, la Koresponda Servo de U.E.A. indikis al ni adreson de dana lernejo, kiu serĉis "kolektivan klaskorespondadon, kies celo estas ne nur korespondi, sed ankaŭ interŝanĝi vizitojn".

Kompreneble, la indikita celo allogis nin ĉiujn - gelernantojn kaj geinstruistojn. Dum la lernejjaro, la gvidantoj interŝanĝis multajn leterojn, kaj la gelernantoj komunajn albumojn por konatigi siajn urbojn, landojn, sin - mem per fotoj. Tiun jarfinan interŝanĝan vojaĝon ni preparis tiel, kiel niajn antaŭajn vojaĝojn inter francaj gelernantoj: unusemajna reciproka restado en la familioj de la korespondantoj, vizito en la regiono, en lokaj fabrikoj, komunaj kunvenoj, ludoj, dancoj kaj kantoj, raportoj, ktp...

La 23-an de junio, dek geknaboj dekkvaraĝaj alvenis en Fontaine-lès-Grès kun siaj du instruistoj, pertrajne el Kopenhago. Kune ĝis la monatfino ni vizitis la vilaĝon, la ĉirkaŭaĵojn, la trikotaĵfabrikon DD la proksiman urbon TROYES (mez-epokajn stratojn, interesajn preĝejojn, magazenojn, la unuan junularvilaĝon COPAINVILLE), la faman urbon REIMS kun katedralo, biskvitfabriko REM, la mondkonatajn ĉampanvinkelojn MOET ET CHANDON, en EPERNAY. Dum vesperkunveno kun ĉiuj geesperantistoj kaj iliaj familioj, ni kantis, kaj dancis folklorajn dancojn, kaj S-ro Köhler prezentis diapozitivojn pri Kopenhago.

La unuan de julio, ok gejunuloj kiujn ni akompanis, foriris kun la Danoj al Danlando. Trapasante Parizon ni vizitis Triumfarkon, Ejfelturon kaj ŝipveturis sur la Sejno sub multaj pontoj. Kiom interesa estis tiu vojaĝo: trajnirado tra Belgio, Germanio, sur pramŝipo, tra Danlando sur "la plej longa ponto de Eŭropo", alveno en la ĉefurbon, kie la familioj kore akceptis nin.

Ĝis la oka de julio niaj kolegoj, S-roj Köhler kaj Christianssen proponis al ni tre interesan turisman programon: ni vizitis Kopenhagon, (urbodomo, lernejo, zoologika parko, haveno, la fama marvirineto, la Ronda Turo, magazenoj). Ni ĉeestis la deĵorŝanĝon de la reĝa gardantaro antaŭ la reĝa palaco, vizitis la bierfabrikon CARLSBERG, kaj amuziĝis en Tivoli sabatvespere. Ankoraŭ ni ekskursis ĝis Helsingör kaj Helsingborg

Dank'al la vivo en meztavolaj familioj (laboristoj, oficistoj, instruistoj), ni ekkonis la vivmanierojn de niaj danaj amikoj: precipe la nutraĵoj, litoj, malsimilas la niajn.

Dank'al Esperanto ni interkompreniĝis; dank'al la senpaga akcepto en la familioj, niaj gejunuloj elspezis nur la pertrajnan vojaĝkoston.

En oktobro, niaj vojaĝintoj prezentis siajn diapozitivojn, filmojn, pri siaj vojaĝo kaj restado en Danio

Ni estas ege feliĉaj, ĉar niaj esperantistaj gelernantoj entuziasme laboris antaŭ, dum kaj post la vojaĝo. La plezuro de ĉiuj, la ĝojo de la restado, la emocio dum la disiĝo, la albumoj kun rakontoj, la fotoj restos neforgeseblajn memoraĵojn por ĉiu.

Ges-roj Henriette k. Pierre FORT

INSTRUADO DE ESPERANTO EN LA LERNEJOJ - KLARIGO PRI DIVERSAJ ENKETOJ

La instruistoj ricevis, ricevas, aù ricevos diversajn alvokojn, kie oni petas, ke ili respondu al diversaj demandoj. Tio ne estas sadisma manio por turmenti la esperantistojn sed iom malorda zorgo por bone esplori la situacion. Kompreneble, estus pli bone, ke ĉiu instruisto plenigu nur unufoje unununuran respondilon, kaj ke tiu respondilo estu uzata de diversaj organismoj. Bedaùrinde tiu kunligo, ĝis nun, ne okazis, kaj ricevinta diversajn plendojn, mi klarigos la kialon de ĉiuj tiuj demandaroj.

1) Demandaro de U. F. E.: Tiu demandaro sur violkolora papero estis sendita verŝajne de la sekretariato, al la grupoj. Gia celo estas precize sciigi en kiuj lernejoj Esperanto estas instruata. La respondo estas sendenda al S-ro TURIN 43 rue Emile Magnin (25) Pontarlier, kiel eble plej rapide.

2) Demandaro de S-no Vincent: Ĝi aperis en Franca Esperantisto n°254, p.76: ĝia celo ne plu estas la lernejoj, sed la instruistoj. La estroj de U. F. E. aù G.E.E. dezirus scii, kiuj estas la instruistoj, kiu estas ilia lingva nivelo, ĉu ili akceptas gvidi kursojn, kaj ĉu ili dezirus perfektiĝi, aù pri lingva kono, aù pri pedagogio de la internacia lingvo. Oni tuj vidas, ke ne estas la sama demandaro.

3) Demandaro de UEA-ILEI: Tiuj du internaciaj asocioj komisiis S-ron Sonnabend enketi pri la lernejoj kie oni instruas la internacian lingvon. Tiu demandaro havas saman celon kiel tiu de U.F.E. kaj povus okazi tra la demandaro de S-ro Turin, sed, ĉar en la diversaj landoj povas ekzisti aù ne nacia enketo, oni juĝis necesa la internacian enketon. Kompreneble, la statistikoj de S-ro Turin devas kongrui kun tiuj de S-ro Sonnabend rilate al Francio; mi esperas ke la enketistoj kunlaboros por ordigi la aferon.

4) Mia demandaro pri provo kunlige kun la pedagogia instituto: la celo estas ankoraù malsimila: temas nek pri lernejoj aù instruistoj nombrindaj aù nombrendaj, sed pri propono por laboro laù difinitaj kondiĉoj. Mi konigos la kondiĉojn al la personoj, kiuj respondis al mi.

5) Enketo de UEA(CED) pri instruo en la universitatoj kaj altlernejoj. Tiam temas nur pri la universitatoj kaj pri oficialaj kursoj. La homoj, kiuj oficiale instruas Esperanton en Universitato aù simila Altlernejo, estas petataj, tuj doni sian adreson al la "CENTRO de ESPLORO kaj DOKUMENTADO", 77 Grasmere Avenue - WEMBLEY (Middlesex) Britujo.

Mi konfesas, ke tio estas multaj demandaroj, sed mi esperas, ke la legintoj komprenis la utilecon de ĉiu enketo. Multaj esperantistoj, kiuj ne sukcesas rikolti lernantojn por publikaj kursoj, diras: "La bona solvo estas deviga instruo de Esperanto en la lernejoj". Mi ne povas diri ĉu ni atingos aù ne tiun celon, sed mi estas certa ke, se ni ne estas kapablaj diri al la instancoj, kiuj povus decidi ion pri tio, nek kiu estas la nuna stato de la instru (demandaroj (1) (3) (5)), nek kiuj instruistoj(kaj kiom) estas kapablaj tion fari (demandaro (2)), se oni ne proponas al ili la kontrolon de iu provo oficiala (demandaro (4)), tiam ne plu utilas paroli pri enkonduko de Esperanto en la lernejojn.

F. BOYET

---

La Ĝenerala Germana Blindul-Ligo de GDR eldonos Esperanto revuon en blindulpreso, kvaronjare, kies titolo estos AMIKECO. Oni sendu siajn mendojn senpere al la "Eldonejo de la Germana Centro-Librejo por Blinduloj, GDR.701-LEIPZIG, Gustav-Adolf-strato 7 - poŝtfako 245.

SCIENCA REVUO - Vol.19-a - n°2 (74), 36 paĝoj - 14 x 20
Eldono de ISAE, trimonata. Jarabono: 10 F. pere de U.F.E.

Vortofteco, A.W.THOMSON (Britujo)

Statistikoj pri ofteco en la 4-a kolekto de Andersenaj Fabeloj(24 fabeloj, 66.084 vortoj), de unusilabaj vortoj, kaj de personaj aŭ geografiaj nomoj asimilitaj aŭ ne.

Internacia konferenco pri la kondiĉoj kaj eblecoj de scienca kunlaborado en Eŭropo - POPOVIC (Jugoslavio)

Raporto pri ne esperantofona internacia konferenco, kie Pr. POPOVIC kaptis taŭgan okazon interveni favore al internacia help-lingvo.

Sciencaj Revuoj en malgrandaj landoj B. POPOVIC (Jugoslavio)

Prelego en la ĉi-supra konferenco Pro la disdividiĝo de la scienco en multajn apartajn fakojn, la specialistoj pri unu fako ekzistas en malgrandaj landoj, en malgrandaj nombroj. Tamen por savi la originalecon de la lando, oni klopodegas publikigi nacilingvajn sciencajn revuojn, sed pro ke informo kaj dokumentado aperas ekskluzive en nur kelkaj mondlingvoj, multaj sciencaj artikoloj restas internacie nekonataj.Tiuj cirkonstancoj kaj multaj aliaj, kiel ekzemple la alpreno en internaciaj konferencoj de nur grandaj laborlingvoj, kaŭzas tempoperdon lerni plurajn "laborlingvojn" por la anoj de la malgrandaj nacioj. Solvo estus, neŭtrala internacia help-lingvo, kiu cetera jam ekzistas kaj funkcias.

Ukrajna Sciencisto de la XV-a jarc.: JURIJ de Drohobyĉ - J. MATVIJISM - (Sovet-unio)

Helpe de Esperanto, la aŭtoro sukcesis preskaŭ tute rekonstrui la vivon de ukrajna sciencisto, kiu profesoris en Universitatoj: astronomion en Bolonjo (1478-79), astronomion en Feraro (1480-87), medicinon kaj astronomion en Krakovo (1488-1492) kiu fariĝis rektoro en Bolonjo, en Feraro, kaj reĝa kuracisto en Krakovo, ĝis li mortis en 1494, kaj estis eble la profesoro de Koperniko

Komparo inter EGM kaj U.V. - HAUPENTHAL (Germanujo)

La EGM-Worterbuch der internationalen Sprachen 1889, kaj U. V. el Fundamento (1905) montras pro la tre malmultaj malsamaĵoj inter ili, ke jam en 1889 la vorttrezoro de E° estis sufiĉe granda por ke ne ekestu leksikologiaj embarasoj.

Surteraj vivaĵoj ankoraŭ nekonataj - R.A.LEWIN (Usono)

La aŭtoro proponas apliki al biologio la saman sistemon, kiel tiu de la kemiistoj per la klasifo de MENDELEEV, t. e. esplori ĉiujn eblecojn por vivo, kaj speciale ĉiujn ĝis nun mankantajn, kaj konkludi pri ĉi lastaj: "ne trovotaj verŝajne ĉar malavantaĝaj de biologia vidpunkto, aŭ ĝis nun ne trovitaj, sed verŝajne, trovotaj, kaj tiam serĉi".

Jacques MANCEAU

BIBLIA REVUO - N°3a (4a jaro) dumonata 64 p. - 17 x 24-
Jarabono: 30 F. pere de U.F.E.

ĈEFA ENHAVO

Dio la saĝulo (B.COLLESS, Melburno)-
Sistema komparo inter ideoj de la Egiptoj, Babilonanoj, Sumeroj kaj antikvaj Hebreoj.

En kiu jaro Jesuo naskiĝis? (G.RUST) (Southhampton)

La aŭtoro levas tre skuigajn demandojn: HERODO la Granda jam mortis inter la 12a de marto kaj la 11a de aprilo (juda pasko), de la 4-a jaro ANTAUKRISTA! Li do ne povis ordoni infanmortigojn kvar jarojn poste!

PROKOPIUS diras, ke J.K. naskiĝis

dum la fermo pro AUGUSTO-ordono de la JANUSa templo.La imperiestro fermigis la templon nur en la jaroj antaùkristaj 29a, 25a kaj 9a!

LUKO aludas al la tiama unua regado de QUIRINIUS (2.2.) super Sirio sed el pluraj fontoj,QUIRINIUS regis dum 6a-7a pK!

La prokonsulo 9-6 aK estis SATURNINUS. TERTILIANUS raportas, ke la registrado de la enloĝantoj okazis sub SATURNINUS, ĉar estis eksterkutime regi dufoje. Verŝajne LUKO konfuzis, sed tamen difektita ŝtono priskribas homon kiu kontraùkutime estis dufoje prokonsulo de SIRIO sub AUGUSTO.

Per diversaj vojoj oni sciiĝis,ke registradoj en Egiptujo okazis ĉiun 14-an jaron, pro ke impoŝtoj estis pagendaj po viroj ekde la 14-jaraĝo. Oni trovis spurojn pri tio en la pK-jaroj 20,34,48,62; do la aludita registrado okazis, ĉu dum la 6a pK, ĉu dum la 9a pK.

Laù MATEO (2.I9.), ili revenis al Egiptujo pro la morto de HERODO, kio konkludigus, ke la naskiĝo okazis iom antaù la 4-a aK.

Pri MAGA astro, povus esti NOVA: laù ĉiuj astronomoj en marto aK. kaj aprilo 4 aK.

aù KOMETO: tiu de HALLEY en 11 aK

aù KONJUNKCIO de Jupitero kaj Saturno en 7a aK, kaj plue en Marso, 6a aK...

Nova vidpunkto pri la verkado de komentarioj pri la sinoptikaj evangelioj - E.C.HOBBS (San Francisko)

Generale, oni studas la sinoptikajn evangeliojn de historia vidpunkto per interkomparoj. La aùtoro rimarkigas ke ĝis nun neglektita estas la devo serĉi la celon de ĉiu aparta Evangelisto; kial li tiel verkis sian verkon kaj ne alimaniere: "Eĉ kiam li raportas saman aferon, ne ĉiam ili havas la saman celon". "Nia tasko estas komenti pri tio, kion ili celis".

La elfosaĵoj sur monto Gerizim: P.G. LOMBARDI O.F.M. (Jerusalemo):

Per antikvaj priskriboj kaj ĉefe per tiutempaj moneroj de la urbo Flavia Neapolis (nuntempe NAPLUSO), la aùtoro identigis la ĉi-tieajn ruinaĵojn, kiel tiujn de templo de Zeùso Hupsistosa (konstruita de HADRIANO), Samarian templon, kiu postnomiĝis Zeùsa Heleniose, kaj ankoraù poste Zeùsa Ksemiose.

...kaj la kutimaj recenzoj pri fakaj libroj kaj revuoj:

Speciale interesaj estas tiuj pri EVIL studoj, kiuj tuŝas la demandon de la malbono en mitologio.

Ankaù tre interesa estas SATAN en la Malnova Testamento de R.S.KLUGER, kie la aùtoro montras interalie, ke SATAN, origine ne estis PROPRA nomo, sed substantivo signifanta "malhelpanto", sed kiel estaĵo tute ne demono. Dio estis, en la origina religio,ambivalenta, senmorala nur poste, sub influo de ZARATUŜTRA, o n i distingis inter la anĝelo de DIO: la luma flanko de DIO, kaj la satano de DIO, la malfavora flanko de Dio.

Jacques MANCEAU

LA MEVO - 10/68 - Ornitologia revuo, duonjara - Jarabono: 3 F.- pere de U.F.E.

Observoj pri formikoj, apusoj, mevoj, dompaseroj (J. F.FOQUET), kaj Birdprotektado en Sovet-unio(BOSSONG

J. M.

ĈU VI JAM REPAGIS VIAN KOTIZON?

ĈU VI JAM PAGIS VIAJN REABONOJN ?

HELPU NIN PAGANTE FRUE !

# RECENZO

CIGANA ROMANCARO, de F. G. Lorca, en traduko de K.GUSEV eldonita en Sovet-Unio.

Ricevinte du ekzemplerojn de tiu verko, ni sendis unu el ili al nia amiko ALVARO DE ORRIOLS, specialisto pri tiu hispana verkisto.

Anstataŭ recenzon, ni ricevis de S-ro de Orriols la jenan tekston kiun li petis ke ni publikigu en nia revuo:

"Kiel nura rajtigita tradukinto por esperantigo de la poemoj de F.G. Lorca, mi proponis ilian publikigon al la eldonisto Sro REGULO en 1961, sub la titolo "Cigana Romancaro".

S-ro Regulo proponis al mi la kunlaboron de K.GUSEV (kiun) mi tute ne volis akcepti.... unue ĉar mi estis la nura tradukinto rajtigita kaj mia laboro estis jam finita, due ĉar en tradukaĵoj de Gusev, sendita al mi de la eldonisto, mi trovis tiom da eraroj, ke ĉia nenecesa kunlaboro vidiĝis neebla. (Post) mia rifuzo la eldonisto decidis delasi la aferon. Rezulto de tio estis aliaj malfacilaĵoj, kiuj malebligis aliloke la publikigon de la Lorca-poemaro. Ĉiaokaze, por kompensi tion, mi publikigis plurajn poemojn el mia traduko en diversaj esperantaj revuoj, ĉiam kun ĝenerala aprobo, kaj ĉiam kiel NURA RAJTIGITA TRADUKINTO.

En la traduko de GUSEV, tiu "grava detalo" estas tute forgesita!

Koncerne la verkon mem, mi povas certifi, kiel hispana poeto kiu mi estas, ke lia traduko -pro nekompleta scipovo de nia nacia lingvo- entenas tre gravajn absurdaĵojn. Plurfoje li konfuzigas la sencon de la vortoj. Ekz: la hispana vorto"araña" signifas "araneo", sed ankaŭ "pendanta lampo" aŭ "lustro". Do, en la poemo "La monaĥino cigana", li diras ke "la sep birdoj de l'prismo flugas en la araneaĵo" anstataŭ diri ke "la sep birdoj de l'prismo (la sep koloroj) flugas en ( la supozeblaj kristalpendaĵoj) de la lampo"

Krome, S-ro Gusev tradukas "gato garduño" (kato ruza, rabema) per malsama besto: la afrika "histriko". Ankaŭ li donas sabrojn al la ciganoj, metas amarajn marojn en la lunon kaj en la poemo "Sankta Gabrielo" el bela knabo junksimila, li faras "belegan filon de kano!"

Por bone traduki la super-realisman stilon de Lorca kaj kompreni ĝiajn simbolajn imagojn, ne sufiĉas posedi surfacan konon de la lingvo: estas ankaŭ necese koni la profundaĵojn de la lingva animo!

Eĉ en tiaj ne ĉiam eblaj cirkonstancoj, la traduko ne estas plejofte tre facila."

ALVARO DE ORRIOLS



SITEC, imprimeur, 188 Fbg st-Denis Paris - CPPP N°21755 - Gérant: BOURDEAUX